*morti* = mourir. Que voudra dire « *mortigi* », si *ig* signifie « rendre tel, transformer en, mettre dans l'état de, sous forme de... »?

On pourra former les expressions:

rendre mourant = *igi mortanta*
rendre mort = *igi mortinta*
rendre devant mourir = *igi mortonta*

On devrait donc avoir les trois formes analytiques: *mortintigi*, *mortantigi*, *mortontigi*.

Exemples: *mi mortontigas vin* = je vous transforme en quelqu'un devant mourir, (de mort non naturelle).

*Mortontigu lin* = prenez toutes mesures pour qu'il doive mourir (de mort non naturelle).

*Mi mortintigis lin* = *mi igis lin mortinta* = je l'ai transformé en mort = je l'ai tué.

Jusqu'ici on n'a pas poussé l'analyse aussi loin, et l'on a réuni les trois formes *intig*, *antig*, *ontig*, en une seule, qui est simplement *ig*, et l'on emploie *mortigi* avec le sens *igi mortanta*.

De même *sidigi* = *igi sidanta* = rendre assis etc.

Avec les radicaux de verbes intransitifs, qui n'ont pas de passif, le sens du dérivé formé avec *ig* ne présente pas d'équivoque; ce sens est nécessairement actif.

***

C'est avec les radicaux verbaux actifs que la difficulté commence.

Prenons l'exemple connu: *mi manĝigas mian ĉevalon*.

Faut-il traduire: je fais manger mon cheval = je donne à manger à mon cheval; ou bien: je fais manger mon cheval = je donne mon cheval à manger (à des hippophages par exemple)?

Dans le 1[r] cas il faudrait traduire, analytiquement: *mi manĝantigas mian ĉevalon*; dans le 2[e]: *mi manĝatigas mian ĉevalon*, et l'indétermination commencerait à être levée.

Mais elle ne le serait pas encore complètement.

Ainsi si je veux dire: « je fais manger de l'avoine à mon cheval », j'aurai comme traduction: « *mi manĝantigas mian ĉevalon avenon* »; or cette construction avec deux accusatifs n'est évidemment pas recommandable, car il se présentera des cas où l'on ne pourra déterminer à coup sûr quel est l'accusatif sujet (ou attribut) et l'accusatif régime (complément direct).

Exemple: « *mi manĝantigas mian hundon porkon* », pourra donner « *mi igas mian hundon manĝi porkon* » (je fais manger du porc à mon chien) ou bien « *mi igas porkon manĝi mian hundon* » (jai donné à un porc mon chien à manger).

Il faudrait donc, pour lever l'équivoque, faire appel au bon sens, ou à l'ordre des mots.

L'exemple que nous venons de donner montre que le bon sens ne suffira pas toujours; quant à l'ordre des mots c'est un principe, et un bon principe de l'Esperanto qu'il est libre, grâce à l'n du complément direct.

Il en résulte qu'il faut éviter de telles phrases, et modifier la traduction, ce qui est fort aisé.

Exemples:

*mi igas ke mia ĉevalo manĝu* (ou *manĝas) avenon.*
*mi igas ke mia hundo manĝu porkon.*
*mi igas ke porko manĝu* (ou *manĝas) mian hundon.*

morti. Kion signifos mortigi, se ig signifas « fari tia, aliformigi en, enkonduki en stato de, sub formo de... »?

Oni povas formi la esprimojn:

igi mortanta
igi mortinta
igi mortonta

Oni do devus ricevi la tri analizajn formojn: « *mortintigi*, *mortantigi*, *mortontigi* ».

Ekzemple: mi *mortontigos* vin = mi aliformigas vin en iu mortonta (je nenatura morto).

*Mortontigu* lin = faru ĉion por ke li estu mortonta (je nenatura morto).

Mi *mortintigis* lin = mi igis lin mortinta = mi aliformigis lin en iu mortinta.

Ĝis nun, oni ne analizis tiel detale, kaj oni kunigis la tri formojn *intig*, *antig*, *ontig*, en unu sola, kiu estas simple ig, kaj oni uzas mortigi kun la senco igi mortanta.

Same sidigi = igi sidanta, k. c., k. c.

Kun la verbaj netransitivaj radikoj, kiuj ne havas pasivon, la senco de la devenaĵo formita per ig prezentas nenian dusencon; ilia senco estas nepre aktiva.

***

Kun la verbaj radikoj aktivaj, la malfacileco komencas.

Elektu la konatan ekzemplon: mi manĝigas mian ĉevalon.

Ĉu oni devas traduki france: *je fais manger mon cheval* = mi donas al mia ĉevalo ion por manĝi; aŭ: *je fais manger mon cheval* = mi donas mian ĉevalon al iu, kiu ĝin manĝos (al ĉevalmanĝantoj ekzemple)?

Pri la unua okazo oni devus traduki, analize: mi *manĝantigas* mian ĉevalon; pri la dua okazo: mi *manĝatigas* mian ĉevalon, kaj la nedifino komencos malaperi.

Sed ĝi ne jam tute malaperus.

Ekzemple se mi intencas diri: mi donas avenon al mia ĉevalo, por ke mia ĉevalo manĝu, mi tradukos: mi *manĝantigas* mian ĉevalon avenon; nu tiu formo kun du akuzativoj estas evidente ne rekomendinda, ĉar okazos okazoj, kie oni ne povos certe difini kia estas la akuzativa subjekto (aŭ atributo) kaj akuzativa komplemento (rekta komplemento).

Ekzemple: mi *manĝantigas* mian hundon porkon, oni povus traduki: mi igas mian hundon manĝi porkon, aŭ: mi igas porkon manĝi mian hundon.

Estus do necesa, por malaperigi la dusencon, rogi helpon ĉu de la logiko, ĉu de la ordo de l' vortoj.

La ekzemplo, kiun ni ĵus proponis, montras ke la logiko ne ĉiam sufiĉas; pri la ordo de la vortoj, estas principo — kaj bona principo de Esperanto — ke la ordo estas tutlibera, dank' al la n de la rekta komplemento.

De tio rezultas ke oni devas eviti tiajn frazojn kaj ŝanĝi la tradukon; tio estas tre facila.

Ekzemple:

mi igas ke mia ĉevalo manĝu (aŭ manĝas) avenon.
mi igas ke mia hundo manĝu porkon.
mi igas ke porko manĝu (aŭ manĝas) mian hundon.

***

Mais il y a des cas où l'on ne pourra éviter l'indétermination. On connait cet autre exemple classique : « *mi presigas la presiston* » et « *mi presigas la libron.* »

Dans le premier cas *igi* commande le *presisto* : dans le second il commande *libro.*

Si bien qu'en réunissant les 2 phrases en une seule : « *mi presigas la presiston libron* », on ne sait pas si *igi* commande *le presisto* ou le *libro* ; en réalité il commande les deux et crée une forme équivoque.

Cela provient de ce qu'il aurait fallu dire, analytiquement :

*mi presantigas la presiston*
et *mi presatigas la libron.*

Et sous cette forme, cette fois impeccable, on voit qu'on ne peut plus réunir les 2 phrases en une seule de même forme ; on ne peut faire cette réunion qu'en changeant la construction, et en disant : *mi igas ke la presisto presu* (ou *presas*) *la libron;* ou *mi igas ke la libro estu presata de la presisto.*

Pour pouvoir adopter la forme abrégée « *mi presigas,* » il faudrait donc adopter un règle spéciale, qui serait : « le suffixe *ig*, accolé à un radical verbal transitif, sous-entend le suffixe *ant* ; alors il suffirait d'employer explicitement le suffixe « *at* » en même temps que *ig* quand le sens l'exigerait. »

On pourrait aussi proposer la règle autrement : « le suffixe *ig*, accolé à un radical verbal transitif, sous-entend le suffixe *at* ; alors il suffirait d'employer explicitement le suffixe « *ant* » en même temps que *ig* quand le sens l'exigerait. »

Reste à examiner laquelle de ces deux règles il convient de choisir. Remarquons bien qu'il ne s'agit que des radicaux verbaux transitifs, c'est-à-dire acceptant les deux voix : active et passive.

Or pour les radicaux verbaux intransitifs, qui n'ont pas de passif, (c'est-à-dire dont l'action ne sort pas du sujet), il n'y a pas d'équivoque. Les dérivés formés avec ces radicaux et *ig* ont nécessairement le sens actif, comme nous l'avons dit plus haut :

*mortigi = igi mortanta,*
*sidigi = igi sidanta. etc.*

Il semblerait donc naturel, dit Couturat, de généraliser cette règle, et de dire : « Le suffixe *ig*, accolé à un radical verbal transitif, sous-entend le suffixe *ant*, et forme des dérivés à sens actif ; par suite quand le sens serait passif on devrait employer le suffixe *at* ».

***

Sed ekzistas okazoj, je kiuj oni ne povos eviti la nedifinon. Oni konas tiun alian klasikan ekzemplon: *mi presigas la presiston*, kaj : *mi presigas la libron.*

En la unua okazo, igi rilatas al « presisto » ; en la dua, ĝi rilatas al « libro ».

Nu, kiam oni kunigas ambaŭ la frazojn en unu sola : « mi presigas la presiston libron », oni ne scias ĉu *ig* trafas « presiston » aŭ « libron » ; reale ĝi trafas ambaŭ kaj kreas dusencon.

Tiel okazas pro tio ke oni devus diri, analize :

mi presantigas la presiston
kaj mi presatigas la libron.

Kaj sub tiu formo, neatakebla, oni vidas ke oni ne plu povas kunigi la frazojn en unu sola sub sama formo ; oni nur povas fari tiun kunigon ŝanĝante la konstruon kaj dirante : mi igas ke la presisto presu (aŭ presas) la libron ; aŭ : mi igas ke la libro estu presata de la presisto.

Por ke oni povu akcepti la mallongigitan formon « mi presigas » estus do necesa akcepti specialan regulon, kiu estus : « la sufikso ig, kun transitiva verba radiko, enhavas ankaŭ senesprime la sufikson ant » ; tiamaniere sufiĉos uzi esprime la sufikson « at » samtempe kiel « ig » kiam la senco tion postulas ».

Oni povus ankaŭ proponi la jenan regulon : « la sufikso ig, kun verba radiko transitiva, enhavas ankaŭ senesprime la sufikson « at » ; tiel sufiĉos uzi esprime la sufikson « ant » samtempe kun ig, kiam tiam estas necesa ».

Restas ankoraŭ por ekzameni, kiun el tiuj du reguloj oni elektus taŭge.

Rimarku ja ke ni celas nur la transitivajn verbajn radikojn, estas diri akceptantajn la du konjugaciojn : aktivan kaj pasivan.

Ĉar pri la netransitivaj verbaj radikoj, kiuj ne havas pasivon (tio estas diri de kiu la ago ne eliras el la subjekto) dusenco ne ekzistas. La derivaĵoj formitaj per tiuj radikoj kaj ig havas ĉiam la aktivan sencon, kiel ni diris ĉi supre :

mortigi = igi mortanta
sidigi = igi sidanta k. c...

Estus do natura, diras Couturat, ĝeneraligi tiun regulon kaj diri : « la sufikso ig, aligita al transitiva verba radiko, anstataŭigas ankoraŭ la sufikson « anta » kaj formas derivaĵojn kun aktiva senco ; konsekvence, kiam la senco estus pasiva, oni devus uzi la sufikson « at ».

| | | |
|---|---|---|
| Exemple: | *mi presigas la presiston* | = *mi igas la presiston presi;* |
| | *mi presatigas la libron* | = *mi igas ke la libro estas presata;* |
| | *mi manĝigas mian ĉevalon* | = je donne à manger à mon cheval ; |
| | *mi manĝatigas mian ĉevalon* | = je donne mon cheval à manger. |

Mais la règle ainsi formulée et appliquée, serait contraire à l'usage de l'Esperanto actuel qui, dans la plupart des cas (avec les radicaux verbaux transitifs bien entendu) a attribué à *ig* le sens de *atig*, c'est-à-dire le sens passif.

Ce dernier sens a l'avantage qu'on peut construire

Sed la regulo tiel formita kaj aplikata, estus kontraŭ la kutimo de l' nuna Esperanto kiu, en la plimultaj okazoj (kun transitivaj verbaj radikoj kompreneble) aljuĝis al ig la sencon « atig », estas diri la pasivan sencon.

Tiu ĉi senco havas superecon ĉar oni povas

le verbe avec 2 régimes, (le sujet et le régime du verbe radical), ce qu'on ne peut pas dans l'autre cas.

Par exemple, on peut dire : *mi presigas libron de la presisto = mi igas ke la libro estu* ou *estas presata de la presisto* = je fais imprimer le livre par l'imprimeur.

Et l'on ne pourrait plus dire : *mi presigas la presiston libron.*

Si « *presigas* » voulait dire « *igi presanta* », la phrase « *mi presigas libron de la presisto* » voudrait dire « je fais imprimer un livre de l'imprimeur (appartenant à l'imprimeur) ».

Ce sens est rendu impossible si on admet que *presigas* signifiera uniquement *igi ata* ; et alors le *de* sera naturellement employé dans le sens de *par* qu'il a après un verbe passif.

On serait donc conduit, si l'on voulait observer l'usage le plus fréquent, à formuler la règle suivante :

« Avec un radical verbal intransitif, *ig* signifie *igi-anta* et engendre des dérivés actifs ; avec un radical verbal transitif, *ig* signifie *igi-ata* et forme des dérivés passifs; si, avec un radical verbal transitif on veut former au moyen de *ig* un dérivé actif, il suffira d'employer explicitement *ant* en même temps que *ig.* »

Dans sa grammaire complète Esperanto, Monsieur le professeur Aymonier est arrivé à cette règle en cherchant simplement à codifier l'usage.

Si on l'adopte — et ceci est affaire entre la Délégation et l'Esperantistaro quand celui-ci aura nommé des représentants autorisés — si on l'adopte, disons-nous, il faudra toujours employer *vidigi, sciigi, konigi, komprenigi* dans le sens passif, et ne pourra plus dire ; *mi sciigas amikon pri novaĵo,* mais seulement : *mi sciigas novaĵon al* (ou *de*) *amiko.*

***

Voici ce que Ido *propose* (et non *impose*) pour le suffixe *ig.*

Ce suffixe, joint à un radical nominal, forme des verbes qui signifient : « rendre tel, transformer en... ».

Exemples : *viro* = homme; *virigi* = rendre homme; *fianco* = fiancé, *fiancigi* = fiancer ; *pura* = propre, *purigi* = nettoyer ; *forta* = fort, *fortigi* = fortifier.

Le suffixe *ig* joint à un radical verbal, forme un verbe qui signifie « faire faire l'action », ou « mettre dans l'état » exprimé par le verbe.

Quand le radical verbal est neutre (intransitif) *veni, morti, koleri, dormi* etc. le suffixe *ig* a nécessairement le sens de *igi-anta* ;

*venigi* = *igi venanta* = faire venir ;
*mortigi* = *igi mortanta* = faire mourir ;
*koleri* = *igi koleranta* = mettre en colère, irriter ;
*dormigi* = *igi dormanta* = faire dormir.

Et, dans ces cas, le verbe dérivé en *igi* est actif et a pour complément direct ce qui serait le sujet du verbe radical :

konstrui la verbon kun du komplementoj (la subjekto kaj la komplemento de la radika verbo), kion oni ne povas fari en la alia okazo.

Ekzemple, oni povas diri : mi presigas libron de la presisto = mi igas ke la libro estu aŭ estas presata de la presisto.

Kaj oni ne plu povus diri : mi presigas la presiston libron.

Se « presigas » signifus « igi presanta », la frazo : mi presigas libron de la presisto, signifus : mi igas presi libron apartenantan al la presisto.

Tiu senco fariĝas nepovebla se oni akceptus ke « presigas » signifos unike « igi ata » ; kaj tiam la « de » estos nature uzata en senco de la franca *par,* kiun li havas kun pasiva verbo.

Oni estas do kondukita, se oni intencas observi la uzon plej oftan, akcepti la sekvantan regulon :

«Kun verba radiko netransitiva, ig signifas igi-anta kaj naskas aktivajn devenaĵojn ; kun transitiva verba radiko, ig signifas igi-ata kaj naskas pasivajn devenaĵojn ; se, kun transitiva verba radiko, oni intencas naski per ig aktivan devenaĵon, sufiĉos uzi malkaŝe « ant » samtempe kiel « ig ».

En sia plena gramatiko de Esperanto, Sinjoro profesoro Aymonier proponis tiun regulon, provante simple leĝigi la uzon.

Se oni ĝin akceptas — kaj tio ĉi estas afero inter la Delegacio kaj la Esperantistaro, kiam tiu ĉi estos nominta aŭtoritatan reprezentantaron — se oni ĝin akceptas, estas necesa ĉiam uzi : vidigi, sciigi, konigi, komprenigi, en pasiva senco kaj oni ne povas plu diri : mi sciigas amikon pri novaĵo, sed nur : mi sciigas novaĵon al (aŭ de) amiko.

***

Ido *proponas* (kaj tute ne *altrudas*) tion ĉi pri la sufikso ig.

Tiu sufikso, kunmetata kun neverba radiko, formas verbojn, kiuj signifas « igi tia, aliformigi en... ».

Ekzemploj : viro, virigi = igi homo ; fianco, fiancigi = igi fianco ; pura, purigi = igi pura ; forta, fortigi = igi forta.

La sufikso ig, aligita al verba radiko, formas verbon, kiu signifas « farigi la agon » aŭ « enkonduki en la stato » esprimita de la verbo.

Kiam la verba radiko estas netransitiva (neŭtra), veni, morti, koleri, dormi, k. c. la sufikso ig havas ĉiam la senco de igi-anta ;

venigi = igi venanta,
mortigi = igi mortanta,
koleri = igi koleranta,
dormigi = igi dormanta.

Kaj, en tiuj okazoj, la verbo devenanta el igi estas aktiva kaj havas, kiel rektan komplementon, tion, kiu estus subjekto de la radika verbo :

mi venigis la medikiston = mi igis la medikiston veni = mi igis ke la medikisto venis (aŭ estu veninta).

Au contraire, si le radical verbal est transitif

Kontraŭe, se la verba radiko estas transitiva

(*vendi, sendi...*), le suffixe *ig* signifie, conventionnellement, *igi-ata* ;

*vidigi* = *igi vidata* = rendre vu

*sendigi* = *igi sendata* = rendre envoyé.

Et, dans ces cas, le verbe dérivé en *igi* a pour régime direct le régime du verbe primitif ; par exemple : au lieu *d'envoyer* moi-même un livre, je puis le faire envoyer par Pierre ; je dirai :

(vidi, sendi...) la sufikso ig signifas, laŭ interkonsento, igi-ata ;

vidigi = igi vidata,

sendigi = igi sendata.

Kaj en tiuj okazoj, la verbo devenanta per igi havas, kiel rektan komplementon, la komplementon de la primitiva verbo ; ekzemple anstataŭ sendi mi-mem libron, mi povas rogi Petron, ke li ĝin sendu, kaj mi diros :

mi sendigas libron de Petro = mi igas Petron sendi libron = mi igas ke Petro sendas libron.

Avec cette règle *mi manĝigas mian ĉevalon* ne peut signifier que *mi igas mian ĉevalon esti manĝata* = *mi igas ke mia ĉevalo estu* (*estas*) *manĝata.*

Si l'on veut dire : je fais manger mon cheval = je lui donne à manger, on traduira : *mi igas manĝi mian ĉevalon* ou *mi igas mian ĉevalon manĝi.*

Le suffixe *ig*— dit toujours Ido— peut servir de radical et former le verbe *igi* = faire, dans le sens de rendre, ou dans le sens de *faire* faire.

Exemple : *mi igas vitron nerompebla* = je rends le verre incassable ;

Mais si l'on veut dire: je fais, je fabrique du verre incassable, il faudra traduire : « *mi faras*, *mi fabrikas vitron nerompeblan* ».

De même le verbe *igi* peut avoir pour régime une proposition; exemple: *mi igas mian ĉevalon manĝi avenon* = je fais manger de l'avoine à mon cheval.

Mais il ne faut pas employer *igi* dans le sens de *contraindre*, *obliger*, *forcer*.

La phrase: « il fit manger à son épouse le cœur de son amant », peut avoir 2 significations, selon que l'épouse a mangé sachant ou ne sachant pas ce qu'elle mangeait.

Si elle ne savait pas ce qu'elle mangeait il faut traduire:

*li igis sian edzinon manĝi la koron de ŝia amanto.*

Si elle a été obligée de manger, sciemment, le cœur de son amant, il faut traduire:

*li devigis sian edzinon manĝi la koron de ŝia amanto.*

***

Voilà les propositions de Ido en ce qui concerne *ig;* nous les avons exprimées en les rapportant à l'Esperanto actuel, tandis que Ido traite la question en employant « l'Esperanto mis au point »; nous reviendrons là-dessus en temps voulu.

***

Antido s'exprime comme suit : — *ig* avec un radical verbal signifie « faire »: *dormigi* = faire dormir; avec un radical non verbal, signifie « rendre »: *beligi* = embellir (rendre beau).

***

Cette proposition de Antido est certainement insuffisante.

Quant aux propositions de Ido nous ne les considérons pas comme tout à fait satisfaisantes.

Kun tiu regulo la frazo : mi manĝigas mian ĉevalon, povas nur signifi ke mi igas mian ĉevalon esti manĝata = mi igas ke mia ĉevalo estu (aŭ estas) manĝata.

Se oni intencas diri ke mi donas nutron al mia ĉevalo, por ke ĝi manĝu, mi tradukos : mi igas manĝi mian ĉevalon, aŭ mi igas mian ĉevalon manĝi.

La sufikso ig — ankaŭ diras Ido — estas uzebla kiel radiko, kaj formas la verbon igi, en senco de la franca *rendre*, aŭ en senco *faire faire*.

Ekzemplo : mi igas vitron nerompebla = la vitro estos nerompebla, dank' al mia faro.

Sed se oni intencas diri ke la fabrikado de speciala vitro, kiu estas nerompebla, estas mia, mi tradukos: mi faras, mi fabrikas vitron nerompeblan.

Same la verbo igi povas havi, kiel rektan komplementon, propozicion ; ekzemple : mi igas mian ĉevalon manĝi avenon.

Sed oni ne devas uzi ig en senco de devigi, trudi, altrudi perforte.

La frazo franca « *il fit manger à son épouse le cœur de son amant* » povas havi du signifojn, laŭ scio aŭ nescio de la manĝantino, pri tio kion ŝi manĝis.

Se ŝi ne scias kion ŝi manĝas, oni devas traduki :

li igis sian edzinon manĝi la koron de ŝia amanto.

Se ŝi estas trudita manĝi, sciante tion, la koron de iu, kiu amis ŝin, oni devos traduki :

li devigis sian edzinon manĝi la koron de ŝia amanto.

***

Tiaj estas la proponoj de Ido rilataj al ig ; ni prezentis ilin rilate al la nuna Esperanto, tiam kiam Ido esploras la demandon uzante la « Esperanton plibonigitan » ; ni reekzamenos tion en oportuna momento.

***

Antido diras : —ig, kun verba radiko, signifas « fari » : dormigi = fari ke oni dormu ; kun neverba radiko, ĝi signifas igi tia : beligi = igi bela.

***

La propono de Antido estas certe nesufiĉa.

Pri la proponoj de Ido ni ne konsideros ilin kiel plene kontentigantaj.

Il nous paraît qu'il faut laisser facultatif l'emploi des formes pleinement analytiques, qui sont caractéristiques d'un langage clair et précis, comme doit être la langue artificielle destinée à devenir la langue commune, la langue seconde la même pour tous.

Nous voudrons voir expérimenter systématiquement, pendant un certain temps, des formes ne prêtant à aucune ambiguité, ne provoquant aucun doute, même fugitif.

Pour cela il nous semble que le mot auquel on applique *ig* devrait être toujours nominal (substantif ou adjectif) ou participe (adjectif ou substantifié).

Exemples : Il a transformé sa haine en amour ; *li amigis sian malamon = li ŝanĝis sian malamon en amo.*

Elle a transformé son ennemi en amant : *Ŝi amantigis sian malamikon = ŝi ŝanĝis sian malamikon en amanto.*

Elle a transformé son ennemi en adoré : *Ŝi amatigis sian malamikon = ŝi ŝanĝis sian malamikon en amato.*

Elle a nettoyé la chambre : *Ŝi purigis la ĉambron = ŝi igis la ĉambron pura.*

Il fera mourir son père : *Li mortintigos sian patron*, ou *li mortantigos sian patron*, ou *li mortontigos sian patron*, selon la nuance de temps qu'on voudra exprimer.

Avec les formes analytiques que nous souhaiterions voir mettre en expérience, on verrait peut-être finir les interminables discussions et consultations que l'emploi de *ig* a fait surgir et continuera à faire surgir au fur et à mesure que l'Esperanto fera de nouveaux adhérents ; ces derniers, en effet, ne manqueront pas de revenir à leur tour, sur cette question non déterminé à fond jusqu'ici. L'expérience vaut d'être tentée.

***

Le suffixe *iĝ* fera l'objet de notre prochain article.

B. S.

Ŝajnas al ni ke oni devas permesi laŭvole uzon de la formoj plene analizaj, kiuj karakterizas klaran kaj precizan lingvon kiel devas esti artifarita lingvo, difinita por fariĝi la komuna lingvo, la dua lingvo, sama por ĉiuj.

Ni dezirus ke oni eksperimentu sisteme, dum ia tempo, formojn havantajn nenian dusencon, naskantajn nenian dubon, eĉ la plej malgrandan.

Por tio, ŝajnas al ni ke la vorto, kun kiu oni metas « ig » devus ĉiam esti neverba (substantiva aŭ adjektiva) aŭ participa (adjektiva aŭ substantivigita).

Ekzemploj : li *amigis* sian malamon = li ŝanĝis sian malamon en amo.

Ŝi *amantigis* sian malamikon = ŝi ŝanĝis sian malamikon en amanto.

Ŝi *amatigis* sian malamikon = ŝi ŝanĝis sian malamikon en amato.

Ŝi *purigis* la ĉambron = ŝi igis la ĉambron pura.

Li *mortintigos* sian patron, aŭ li *mortantigos* sian patron, aŭ li *mortontigos* sian patron, laŭ la tempa nuanco, kiun oni intencos esprimi.

Kun la analiza formo, kiun ni dezirus vidi en aplikado, eble oni vidus la finon de la nefineblaj diskutoj kaj klarigoj, kiujn uzo de ig naskis kaj daŭros naski des pli ke Esperanto varbos novajn adeptojn ; tiuj ĉi, efektive, postulos klarigojn siavice, pri tiu demando ne plene difinita ĝis nun. La eksperimento estas do provinda.

***

Nia proksima artikolo traktos la sufikson iĝ.

B. S.

---

## EL LA GAZETOJ.

La ĵurnalo « Germana Esperantisto » de la Februara monato enhavas du gravajn artikolojn, skribsignitajn de du el la plej sindonemaj samideanoj : D^ro^ Otto Liesche kaj Jean Borel.

La artikoloj estas ambaŭ tro longaj por ke ni reproduktu ilin plene ; sed ni citas kelkajn paragrafojn kiuj interesos certe la tutan mondon esperantistan.

El la artikolo de D^ro^ Otto Liesche, titolita : La nuna situacio.

Tamen grava diferenco ekzistas inter la naciaj lingvoj kaj artefarita lingvo internacia. La evolucio de la naciaj lingvoj estas io origine natura, plej ofte nekontrolata kaj sekve neregula pro la influo de diversaj faktoroj. Internacia lingvo nepre devas evolucii kontrolate kaj regule. Ĝi devas sekvi la ĝeneralajn direktojn de la natura lingva evolucio, sed ĝi ne devas submetiĝi al la multenombraj okazaj kaj lokaj faktoroj, kiuj nekontrolate kaj diversmaniere ŝanĝas la naciajn lingvojn.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Kontraŭ al tiuj ĉi decidoj de la Delegacio tre granda parto de la Esperantistoj respondas, ke tute nenia rompanta ŝanĝo estas necesa, ke Esperanto jam sufiĉe pruvis sian plenan praktikan perfektecon, la sole utilan. La plej multo da Esperantistoj ne malkonfesas la necesecon de plua evolucio. Sed la hodiaŭa Esperanto jam plene sufiĉas al tiu neceseco eĉ tiel bone — laŭ la opinioj de multaj — ke la disvolviĝo povos fariĝi por ĉiam mem kaj sen diskutado.

Kiel dirite, mi ne povas aprobi tiun ĉi lastan, ekstreman vidpunkton. Pli grava ŝajnas la demando : Ĉu la proponoj de la Delegacio — kvankam grandparte teorie bonaj kaj logikaj — estas sufiĉe gravaj, por riski la rompon de kelkaj gramatikaj formoj, por rekonduki la lingvon, jam tiel sukcese uzatan, en la staton de necerta diskutado ?

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Tamen ne estas refuteble, ke certaj riproĉoj kaj proponoj ĉiam estas ripetataj de la plej diversaj amikoj kaj kontraŭuloj de Esperanto ; kaj duboj pri la samaj punktoj ĉiam ree estas esprimataj de la komencantoj. Tiuj punktoj grandparte koincidas ankaŭ kun la decidoj de la Delegacio.

Ne ŝajnas saĝe, sen esploro forĵeti la proponojn, kiuj ĉiam ripetiĝas kaj verŝajne ripetiĝos. Eĉ se ili ne havus gravecon por la praktika uzado, tamen ili estas gravaj por la enkonduko kaj la disvastiĝo de Esperanto. Certe kelkaj eksterajoj de nia lingvo, kiuj tute ne tuŝas ĝiajn principojn (ekz. la supersignitaj literoj) malhelpas rimarkeble la rapidan disvastigon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

### El la artikolo de Jean Borel, titolita: Pri reformoj.

Pro tio, multaj el niaj samideanoj rigardas, kiel pekon kontraŭ nia celado ĉiun iniciativon, kiu emas proponi plibonigojn en la lingvo, ĉar ili vidas en ĝi danĝeron por nia unueco. Tiu ĉi vidmaniero estas ja tute logika kaj komprenebla, mi longe opiniis same kaj ankoraŭ nun tre respektas tiun prijuĝon. Tamen, post matura pripensado, mi alvenis al la konkludo ke nia fideleco al la esperantista unueco, kia ajn sincera ĝi estas, ne devas malhelpi nin libere pripensi, rigardi ĉirkaŭ ni, malfermi la orelojn kaj aŭskulti, kion eblaj kritikantoj de nia lingvo parolas. Tio ĉi certe ne devigas nin sekvi iliajn konsilojn. Plej ofte, kiel jam centfoje okazis, ni konstatos, ke la kritikoj tute ne estas pravigitaj, kaj ke ni povas ilin tre facile refuti. Sed ankaŭ povus okazi ke, en la kvanto, estas bonaj kaj pravaj kritikoj; tiujn ni ne devas malŝati. Troa timo al la aludita danĝero igus nin fali en alian same gravan malbonaĵon, tiun de senprogresa restado.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

En la reformoj proponitaj, proponataj kaj proponotaj al la Esperantistoj ni devas distingi du kategoriojn: Tiujn, kiujn oni povus enkonduki facile, iom post iom kaj sen rompo per kvazaŭ natura evolucio kaj tiujn, kiuj necesigus rompon kaj revolucion. La unuaj rilatas precipe al la vortaro: aldono de novaj vortoj, eĉ afiksoj, korektado de nedubeblaj eraroj en vortoj aŭ de nebonaj formoj; la duaj rilatas esence al la gramatiko kaj al la fundamentaj principoj de la lingvo.

Pri la unuaj, se D<sup>ro</sup> Zamenhof interkonsente kun la esperantista aŭtoritato decidus proponi serion da plibonigoj zorgeme elektitaj kaj pripensitaj, estas certe, ke oni enkondukus ilin tre facile, preskaŭ nesenteble. Per paralela uzado de la malnovaj kaj novaj formoj, laŭ la ideo de D<sup>ro</sup> Zamenhof, kaj sendeviga altrudo de la novaĵoj oni senrompe atingus la celon. La Esperantistoj, kutimante iom post iom, eĉ ne rimarkus la ŝanĝon kaj ili ne senkuraĝiĝus, kiel tio okazus per subita, perforta transiro. Tiu evolucia periodo povus daŭri pli-malpli longe laŭ la cirkonstancoj, ĝi estus la plej taŭga rimedo por praktike elprovi la novajn formojn, kiuj estus poste definitive adoptataj se ili montriĝis plene taŭgaj. La esperanta gazetaro fariĝus tute nature la « elprovejo » de la reformoj kaj intertempe, dum la transira epoko, la oficiala lingvo restus nia nuna « fundamenta » Esperanto.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Se interkonsento ne fariĝos tuj de la komenco inter la Esperantistaro kaj la Konstanta Komitato de la Delegacio, kiu proponas al ni reformojn, povus okazi, ke ni havas dum kelka tempo du paralelajn, pli-malpli similajn lingvojn, eble eĉ sub la sama nomo Esperanto. Kvankam ĝi estus bedaŭrinda, tiu fakto ne devus tromulte ĉagreni nin; ni povas havi bonan konfidon ke interkonsento fine fariĝos, ĉar la diferencoj inter ambaŭ sistemoj ne povas esti tiel grandegaj, ke ili malhelpu renkonton de la du vojoj, se ambaŭ partioj, post faritaj spertoj, montras iom da reciproka bonvoleco. Ni ja ĉiuj antaŭeniras laŭ fundamentaj eterne veraj principoj kaj ĉiuj celas al la sama idealo.

### Ni ĉerpas el la revuo « Espero Katolika »:

PROMENADO TRA LA GAZETOJ.

La demando pri reformoj estas nune la plej granda priokupo de l' Esperantistaro. Tamen multaj gazetoj ne parolas pri ĝi. Ŝajnas, ke oni volas pritrakti la demandon en profunda, mistera silento, sen konigi al la Esperantistaro la argumentojn *por* kaj *kontraŭ* la reformoj. Lojaleco postulas, laŭ ni, ke nia gazeto metu antaŭ la okuloj de la legantoj ĉiujn dokumentojn de la proceso. Tial ni citas hodiaŭ el la gazetoj nur la artikolojn, kiuj rilatas al agado de la *Delegacio* kaj al la demando pri reformoj en Esperanto. Niaj legantoj povos tiamaniere formi mem sian opinion.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ni ne volas influi sur la juĝo de niaj legantoj. Ni nur rimarkigos, post nia *Promenado*, ke la kontraŭreformaj gazetoj liveras argumentojn *ne-lingvajn* (fideleco, Fundamento, maloportuneco, kontesto pri l' aŭtoritato de la Delegacio, ktp.); la gazetoj, kiuj almenaŭ ŝajnas favoraj al la reformoj, diskutas la demandon per *lingvaj* argumentoj (ekz. *Belga Sonorilo*). — En tia demando oni povas vere diri, ke ne la *nombro*, sed la *kompetenteco* de l' opiniantoj havas ian signifon.

Prof. E. Lime.

### Post artikolo raportanta pri la ĵurnalo *Progres*, organo de *Idiom Neutral*, prof. E. Lime konkludas tiele:

Oni vidas, ke *Idiom Neutral* estas serioza konkuranto de Esperanto, kaj ke la aliĝo de Neutralistoj al la Delegacia decido ŝajnas tre facila kaj tre « probabla ».

### La revuo « Espero Pacifista » prezentas artikolon pri la Delegacio kaj tiel konkludas:

La konstanta komisio, kies tasko estas do daŭrigi la agadon de la komitato kaj interkonsenti kun la Lingva Komitato, konsistas el la estraro, S-roj Ostwald, Baudoin de Courtenay, Jespersen, Leau kaj Couturat, al kiuj la komitato aldonis S-ron de Beaufront.

Ni esperas firme ke la dezirata konsento estos baldaŭ starigata inter D-ro Zamenhof, la Lingva Komitato kaj la Delegacia Komitato, kaj ke per unuigitaj fortoj ni atingos la definitivan venkon por la bono de la homaro.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La Komitato de la Ligo kunvenis en Bruselo dum la 9<sup>a</sup> februaro. Grandnombro da komitatanoj ĉeestis. Ni detale raportos pri ĝi en nia numero de la 1<sup>a</sup> de marto; la ĉefa temo de la tagordo estis ekzameno de la nuna lingva situacio. Kelkaj grupoj jam disvastigis ilian opinion per cirkuleroj, aliaj prezentis voĉan raporton, sed nenia konkludo ĝis nun okazis.

Ni reproduktos en nia proksima numero serion da dokumentoj, raportoj, leteroj, k. c. De nun ni vokas atenton de niaj gelegantoj al tiu grava flanko de la demando.

---

## Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

*Januaro.*

ĜENERALA PLANO KAJ ENHAVO.

**Diversaĵoj:** La Malapero de la Usonaj Arbaroj, de *C. E. Randall* (Unuiĝitaj Ŝtatoj de Ameriko).
**Teatro:** Kaprico, de *Alfred de Musset*, tradukita de *J. Flourens* (Francujo).
**Felietono:** La fratoj de Mowgli, el « la libro de la Ĝunglo », de *Rudyard Kipling*, tradukita de *C. W. Oxenford* (Anglujo).
**Ĉiulanda literaturo:** La Metamorfozo, Turka fabelo, esperantigita de *P. Oreskof* (Bulgarujo).
**Virina paĝo:** La Modo, de *Roksano* (Francujo).
**Infana paĝo:** Kruĉo-Palaceto, el la rusa lingvo tradukis *Romanov Frenkel* (Siberujo).
**Sciencoj:** La Aerveturado, de *P-ro Marcel Finot* (Francujo).
**Pri Esperanto:** La « Delegacio » kaj Esperanto, de *Aŭg. Montrosier*. Kroniko, Bibliografio.
**Miksaĵoj:** Konkurso pri senparolaj bildoj.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

Ni ricevis de la Centra Oficejo, tro malfrue por ĝin reprodukti en tiu ĉi numero, leteron skribsignitan de L. L. Zamenhof; ni publikigos ĝin en nia proksima numero.

Ni publikigos ankaŭ leteron de la sekretario de la Esperantista Centra Oficejo, kiu malklarigas pli kaj pli la rolon de la Oficejo. Oni scias, aŭ nescias, ke Centra Oficejo, al kiu oni komisiis disdonon de « broŝuroj *Ido* al kelkaj esperantistoj speciale elektitaj » esploris malrajte tiun broŝuron kaj publikigis sian opinion en diversaj ĵurnaloj, ekzemple ni trovas tiun opinion en la ĵurnalo « Antaŭen Esperantistoj » nº 5, paĝo 71ª.
Tion la Centra Oficejo nomas utilajn informojn!
Eble jes, sed ankaŭ maldiskretaĵoj.

Leipzig. Paska antaŭfoiro okazos komence de marto kaj multe da eksterlandanoj malfacile trovas loĝejon, ĉar kutime tro multaj aĉetantoj kaj vendistoj alvenas. Tial oni bonvole sin turnu al : Esperantista Konsulejo, Leipzig, Kupfergasse, Laden 20. Ĝi estas malfermata ĉiutage de 9-6 kaj oni povas ricevi tie-ĉi sciigojn pri loĝejoj, pri hoteloj (ankaŭ malkaraj) kaj pri aliaj aferoj rilate al paska foiro.

Ankoraŭ nova ĵurnalo : Tutmonda Espero, ĉiumonata revuo, organo de la Kataluna Esperantistaro. Ni salutas la novan revuon kaj deziras al ĝi longan kaj feliĉan vivon. Unu numero kostas fr. 0.35 sm. 0.14, la jara abono estas 3 frankoj sm. 1,20. Sin turni al la Aministracio : Paradis 12, principal, Barcelona.

En Limoges, Franclando, la Esperanto-oficejo estas preta sendi ĉiujn sciigojn pri urbo, regiono, produktaĵoj de la lando, k. t. p. Sin turni al Esperanto-Oficejo, Limoges (France) ; tiu adreso sufiĉas.

La Societo « Espero » en Peterburgo, sciigas ke ĝia nova, tute Esperanta loĝejo estas Nikolaerskaja str. 33, loĝ. 24. La prezidanto estas nur Sro D. D. Valkov kaj la sekretario Sro A. D. Egert-Egede.

Pola ĵurnalo por kuracistoj : « Glosu Lekarzy » komencos de marto 1908 esperantan fakon por internacia korespondado de kuracistoj kaj invitas ĉiujn samideanajn kuracistojn partopreni tiun rubrikon.
Sin turni sub adreso : Dro Szczepan Mikolajski, ul. Sniadeckich 6, Lwow, Aŭstrio-Galicio.

La Adriatika Ligo Esperantista intencas fari, eble en komenco de Aprilo, ekspozicion por vivigi la movadon en la regiono. Ĝi ricevos plezure la taŭgajn propagandilojn, kiuj estus senditaj al ĝia sekretario inĝeniero E. Mihich, Plasse-Stranga 77, Fiume (Hungarlando).

El cirkulero de la Grupo Berlina de la Germana Esperantista Societo ni ĉerpas : Ni intencas kiel eble plej ofte raporti en Esperanto pri la interna vivo de nia grupo. La fakto, ke ni havas en nia kluba presejo nur po unu ĝ kaj ĵ, ne malhelpos detalajn kaj bonstilajn raportojn sen supersignitaj literoj.........
La cirkulero estas redaktata sen uzo de supersignitaj literoj.

---

### DEZIRAS KORESPONDADI.

Sro Leon **Andersson**, ano de la Klubo Esp. de laboristoj, Vestmannagatan, 46, IIII Stockholm.
Sro Emilio **Clouzet**, Zabala, 24, Montevideo (Uruguay).
Sro Volta **Briggs**, per poŝtkartoj ilustritaj, 2700 Hickman Avenue, Rt. 1, Des Moines, Iowa, U. S. A.

---

## KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Le groupe « Pioniro » annonce quelques causeries en Esperanto qui auront lieu à 8 1/2 heures du soir aux dates suivantes :

5 février. M. le lieutenant Cardinal : Forêts, chasse et pêche.
12 février. Mademoiselle De Luyck : La Campine.
19 février. M. l'abbé Austin Richardson : Les difficultés des voyages.
26 février. Mademoiselle Cl. Simon : Les bas-bleus.

Le local actuel du groupe est : Hôtel de Cologne, rue de la Fourche nº 17.

**St. Gilles.** — Le mardi 4 février le commandant Ch. Lemaire, Président de la Ligue espérantiste belge a conférencié à l'Extension universitaire belge, section de Saint-Gilles. Un nouveau noyau espérantiste va se former à la suite de cette conférence.

**Bruxelles.** — La grupo « Pioniro » anoncas kelkajn paroladetojn, kiuj okazos je la 8 1/2 horo vespere dum la sekvantaj tagoj :

5ª de Februaro. Sro leŭtenanto Cardinal : Arbaroj, ĉasado, fiŝkaptado.
12ª de Februaro. Fino De Luyck : Kempenlando.
19ª de Februaro. Sro abato Austin Richardson La malfacilaĵoj de la vojaĝo.
26ª de Februaro. Fino Cl. Simon : Kleraj virinoj.

La nuna sidejo de la grupo estas : Hôtel de Cologne, rue de la Fourche nº 17.

**St. Gilles.** — Dum la mardo 4ª de Februaro, komandant Ch. Lemaire, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista paroladis ĉe la « Universitata Belga Disvastigo » sekcio en St. Gilles. Nova esperantista centro formiĝos dank'al tiu parolado.

Le groupe « Antaŭen » est maintenant affilié à la Fédération post-scolaire de St. Gilles; il se réunit tous les samedis à 9 à 10 heures du soir. L'organe officiel de la Fédération nous informe que le cours gratuit de M. Verbanck prospère; trente élèves des deux sexes le suivent régulièrement et afin qu'ils puissent se perfectionner dans la langue, le groupe a fondé un embryon de bibliothèque.

La grupo « Antaŭen » estas de nun aligita al la « Federacio post-lerneja » de St. Gilles; ĝi kunvenas ĉiusabate de la 9ª ĝis la 10ª vespere. La oficiala organo de la Federacio sciigas al ni ke la senpaga kurso de S<sup>ro</sup> Verbanck bone sukcesis; tri dek gelernantoj ĉeestas regule kaj por ke ili povu perfektiĝi en la lingvo, la grupo ekstarigis bibliotekon.

**Nivelles.** — L'administration communale a donné au groupe local, la jouissance des locaux de l'école communale de la rue de Charleroi. Comme suite, M. L. Delatte, secrétaire du groupe, a commencé deux cours: tous les dimanches à 10 heures du matin et tous les samedis à 20 1/4 heures (8.15 du soir). Ils ont commencé dès le 8 février: chacun applaudira à la courageuse initiative de M. Delatte et de ses amis du groupe.

**Nivelles.** — La urba administracio permesis al la tiea grupo uzon de la loko de komunuma lernejo de la « rue de Charleroi ». Konsekvence, S[ro] L. Delatte, sekretario de la grupo, komencis du kursojn: ĉiudimanĉe je la 10ª matene kaj ĉiusabate je la 20ª horo kaj kvarono (8.15 vespere). Ili jam komencis de la 8ª Februaro; ĉiu aplaŭdos la kuraĝan iniciativon de S[ro] Delatte kaj de liaj samgrupanoj.

**Liége.** — Monsieur O. Orban, professeur à la Faculté de droit et à l'Ecole spéciale de Commerce de l'Université de Liége, a accepté la présidence d'honneur du Groupe Espérantiste liégeois.

Le groupe prépare une soirée littéraire et musicale qui aura lieu vraisemblablement à la fin de mars; mais avant cela il organise une conférence contradictoire à laquelle sont spécialement invités nos adversaires, elle aura lieu le 24 février à 8 1/2 h. du soir, au café « Terminus » Boulevard d'Avroy n[os] 14-16.

**Liége.** — S[ro] O. Orban, profesoro ĉe la Fakulto de leĝoscienco kaj ĉe la Speciala Lernejo de Komerco de la Universitato en Liége, akceptis la Honoran prezidon de la Lieĝa Grupo Esperantista.

La grupo preparas literaturan kaj muzikan feston kiu verŝajne okazos je la fino de marto; sed antaŭe ĝi organizas kontraŭdiran paroladon al kiu estas speciale invititaj niaj kontraŭuloj, ĝi okazos dum la 24ª de Februaro, je la 8 1/2 horo vespere, en kafejo « Terminus » Boulevard d'Avroy n[oj] 14-16.

**Beyne Heuzay.** — Le 14 janvier s'est fondé un groupe local sous la présidence de M. H. Dupont; il a choisi comme titre: Beyne-Heuzay en avant! et a immédiatement ouvert un cours dans le local de l'école communale pour filles. Le président, qui est aussi le professeur, enseigne selon la méthode Berlitz. Le groupe comprend actuellement 48 membres. Une délégation du groupe liégeois assistait à l'ouverture du cours et M. Fl. Ansiaux, au nom de tous, souhaita la bienvenue dans le monde Espérantiste et une vie prospère au nouveau né.

**Beyne-Heuzay.** — La 14[an] de Januaro okazis fondon de la tiea grupo sub prezido de S[ro] H. Dupont; ĝi elektis la titolon: Beyne-Heuzay antaŭen! kaj tuj malfermis kurson en loko de la komunuma lernejo por fraŭlinoj. La prezidanto, kiu estas ankaŭ la profesoro, instruas laŭ la methodo Berlitz. La grupo enhavas nun 48 membrojn. Delegacio de la Lieĝa grupo ĉeestis la malfermo de la kurso kaj S[ro] Fl. Ansiaux, je la nomo de ĉiuj, deziris al la novnaskita bonvenon en la Esperanta mondo kaj prosperan vivon.

**Cuesmes.** — La Société « Cuesmes-Expansion » avait organisé le 2 février un concert avec conférence sur l'Esperanto. L'orateur était M. le lieutenant M. Cardinal, qui est Cuesmois.

Il est superflu d'affirmer le succès et du conférencier et de son sujet. Conformément au désir exprimé par lui, le produit des entrées sera réparti entre les trois écoles de garçons de la commune, afin de permettre aux élèves les plus méritants de chaque classe de visiter l'une de nos grandes villes.

**Cuesmes.** — La societo « Cuesmes-Expansion » organizis dum la 2ª de Februaro, koncerton kun parolado pri Esperanto. La parolanto estis S[ro] leŭtenanto M. Cardinal, kiu naskiĝis en Cuesmes mem.

Ne estas necesa certigi la sukceson de la parolanto kaj de lia temo. Laŭ lia deziro la enspezoj de la festo estos disdonitaj al la tri lernejoj por fraŭloj de la komunumo, por helpi la lernantojn la plej indaj el ĉia klaso ke ili vizitu unu el niaj ĉefaj urboj.

**Antwerpen.** — *De « Volkstribuun »*, dagblad van de Federatie der Vakbonden, wijdt in haar nummer van 14[n] Januari j. l. een zeer vleiend artikel aan de voordracht over Esperanto, die de heer Van der Biest Andelhof den vorigen dag vóór een honderdtal leden van den Antwerpschen diamantwerkersbond (A. D. B.) had gehouden. In het nummer van 16[n] Januari behelst gezegd blad onder het handteeken « *Marcus Carolus* » een zeer goed geschreven en flink doordachte bijdrage over de noodzakelijkheid eener wederlandsche taal, vooral met het oog op de wereldcongressen van de machtige gilde der diamantbewerkers.

**Antverpeno.** — La ĵurnalo « *Volkstribuun* » (Popola tribuno), organo de la federacio de la profesiaj ligoj, skribas en sia numero de la 14ª de Januaro tre laŭde pri la parolado, kiun S[ro] Van der Biest-Andelhof faris la antaŭan tagon al cento da anoj de la Antverpena ligo diamantista (A. L. D.). En la numero de la 16ª de Januaro la dirita gazeto enhavas super la subskribo « *Marcus Carolus* », tre bone skribitan kaj inteligente pripensitan artikolon pri la neceseco de internacia lingvo, precipe celantan la tutmondajn kongresojn de la potenca korporacio de la diamantlaboristoj.

Men weet (zie het voorlaatste nummer der B. S.), dat in de laatste wereldvereeniging der diamantbewerkers, gehouden te Stuttgart, de heer J. Groesser een voorstel heeft doen stemmen, strekkende om het Esperanto als onderlinge taal te gebruiken bij het internationaal congres der diamantbewerkers, dat in 1909 te Amsterdam zal plaats hebben. Om tot de bereiking van dit doel bij te dragen heeft de A. D. B. op 7$^{n}$ Februari eenen leergang van Esperanto geopend, waar ditmaal de Zamenhofsche taal niet zal onderwezen worden als eene liefhebberij, als een sport, maar uit wezentlijke, onmiddellijke noodzakelijkheid. De A. D. B. heeft de inrichting van zijnen Esperantoleergang aan zijne zustervereenigingen medegedeeld, opdat in alle landen zijn voorbeeld worde gevolgd en het voorstel van den heer Groesser zijn practische oplossing erlange.

— De meeste Antwerpsche nieuwsbladen hebben dezer dagen de invoering van het Esperanto bij de lagere scholen van Rijsel gemeld, alsook den bijval onzer geliefde taal bij het Frankfurter kongres ter bevordering der zondagsrust en bij het internationaal vredescongres te Munchen. Onder deze dient eervol vermeld te worden « *Le Nouveau Précurseur* » die zich lang onverschillig, om niet te zeggen vijandig, aan onze zaak heeft getoond.

Deze opname is vooral te danken aan de bemoeiingen van hen middenkomiteit der Antwerpsche esperantische groepen, dat voortaan nu en dan aan de plaatselijke dagbladpers de wetenswaardigste inlichtingen over den vooruitgang van het Esperanto zal mededeelen.

— Een zeer lofwaardige propaganda voor het Esperanto maakt het pedagogisch maandschrift « *Ons Woord* », dat in zijn Februarinummer een zeer lezenswaardige briefwisseling in Esperanto (met nevensgaande Vlaamsche vertaling) opneemt tusschen den Antwerpschen onderwijzer H. D. G. en den heer Jamada Fuĝiske, professor te Tamana Cugakko (Japan).

In 't algemeen zijn de Antwerpsche onderwijzers en onderwijzeressen zeer gunstig aan het Esperanto, dat velen hunner met het beste gevolg oefenen.

**Verviers**. — Notre groupe continue ses travaux avec persévérance. Les réunions du lundi sont régulièrement suivies, et il ne manque jamais de travaux sérieux, soumis à la discussion générale.

A côté de ces réunions purement espérantistes, chaque dernier jeudi du mois il y a une réunion d'agrément ou plutôt de propagande. Le programme attire toujours une nombreuse assistance et entretient l'ardeur pour notre cause.

Actuellement trois cours pour membres de la Croix rouge réunissent de très nombreux adeptes nouveaux.

A la dernière assemblée générale de la puissante société : « Aide mutuelle des employés de Verviers et des environs » (elle comprend plus de 1200 membres), M. Simon parla sur le besoin d'une langue internationale et sur l'utilité de l'Esperanto. Il finit par prouver que, si l'Esperanto n'apparaît encore que comme un dessert dans le menu des langues enseignées, plus tard il sera le plat de résistance.

Oni scias (vidu la antaŭlastan numeron de la B. S.). ke dum la lasta kongreso, okazinta en Stuttgart'o, S$^{ro}$ J. Groesser balotigis proponon dekretantan la uzadon de Esperanto ĉe la internacia kongreso de diamantistoj, kiu okazos dum la jaro 1909$^{a}$ en Amsterdam'o. Por kunhelpi al la efektivigo de tiu ideo, la A. L. D. malfermis je la 7$^{a}$ de Februaro kurson de Esperanto, kie tiun ĉi fojon oni ne lernos la Zamenhof'an lingvon kiel distraĵo, kiel sporto, sed pro reala, senpera neceseco. Ĉirkaŭ 25 diamantistoj partoprenas al la instruado, inter kiuj la plimulto ĉeestos la Amsterdam'an kongreson. La A. D. L. komunikis la starigon de sia esperanta kurso al la similaj societoj, por ke ĝia ekzemplo estu sekvata kaj la propono de S$^{ro}$ Groesser ricevu sian praktikan solvon.

— La preskaŭ tuta Antverpena ĵurnalaro anoncis antaŭ ne longe la enkondukon de Esperanto ĉe la unuagradaj lernejoj en Lille, kiel ankaŭ la sukceson de nia kara lingvo ĉe la Frankfurt'a kongreso por la disvastigado de la dimanĉa ripozo kaj ĉe la kongreso de pacifistoj en Munchen'o. Honorplene meritas esti citata « *Le Nouveau Précuseur* », kiu longtempe sin montris indeferenta al nia afero, por ne diri malamika.

Tiu ĉi enpresigo ĉefe oni ŝuldas al la centra komitato de la Antverpenaj grupoj esperantistaj, kiu de nun transigos al la Antverpenaj ĵurnaloj la plej interesajn informojn pri la progreso de Esperanto.

— Tre laŭdinda propagando por Esperanto estas farata en la Antverpena pedagogia monata revuo « *Ons Woord* » (Nia Parolo), kiu enhavas en sia Februara numero tre legindan korespondadon per Esperanto (Flandre flanke tradukitan) inter la Antverpena instruisto H. D. G. kaj S$^{ro}$ Jamada Fuĝiske, profesoro en Tamana Cuggako (Japanlando).

Ĝenerale la geinstruistoj Antverpenaj estas tre favoremaj al Esperanto, kiun multaj el ili sukcesplene uzas.

**Verviers**. — Nia grupo persisteme daŭrigas klopodi. La lundekunvenoj estas regule vizitataj, kaj ĉiam interesplenaj verketoj elvokas ĝeneralan diskuton.

Ekster ĉi tiuj nur esperantistaj kunvenoj, la lastan ĵaŭdon de la monato okazas speciala amuzkunveno aŭ pli bone propapanda kunveno. La programo ĉiam allogas multnombran amikaron, kaj vivigas fervoron por nia afero.

Nuntempe tri kursoj, por anoj de la Ruĝa kruco, estas malfermitaj kaj kunigas tre multajn novajn adeptojn.

Je la lasta ĝenerala kunveno de la grava societo : « Uniĝo de la oficistoj de Verviers kaj ĉirkaŭaĵoj », kiu kalkulas pli ol 1200 membrojn, S$^{ro}$ Simon parolis pri la neceseco de lingvo internacia. Li elmontris la utilecon de Esperanto kaj konkludis provante, ke dum Esperanto jam estas deserto sur la manĝokarto de lingvoj instruitaj, poste ĝi estos la ĉefa plado.

## LA TRIUMFO DE LA SCIENCOJ.

Profesoro Arnoldi estis granda sciencisto, tre estimata en nia lando, ĉar oni multe ŝatis ĉe ni la sciencojn. Kaj ĉu povus esti alie? Ĉu ni havus universitatojn sen la helpo de la sciencoj? Ĉu nia industrio, nia arkitekturo, nia armeo, nia ŝiparo, mallonge « nia civilizacio » povus ekzisti eĉ unu tagon sen sciencoj kaj sciencistoj? La trovo de la vaporteksilo estas vere, mortigis de la malsato dekmilojn da teksistoj, sed, kompense, ĝi malkarigis la teksaĵojn por tiuj, kiuj havis pagilon. La fonografo fariĝis delikata amuzilo por aĉetkapabluloj kaj karesis la noblajn orelojn de monhavuloj. La matematiko alportis ankoraŭ pli gravajn fruktojn kaj, krome, ĝi estis tute demokratia: danke ĝi oni sukcesis konstrui mirindajn kanonojn, kiuj mortigis tre facile eĉ tiujn, kiuj ne havis kupran groŝon. Mi repetas: la sciencoj estis tre ŝatataj en nia lando.

Nu, profesoro Arnoldi starigis antaŭ si taskon, kiu havis la celon hontigi ĉiujn elpensojn kaj trovojn, kiuj estis antaŭ li. Li volis — kion vi pensas? — li volis kapti la tutan atmosferon de nia planedo kaj simple kaŝi ĝin, kiel la knaboj kaŝas skarabojn en skatolo. Tio ĉi estis tre interesa eksperimento, plena je sprito kaj je scienco, eksperimento, inda je nia klera dudeka jarcento. Ĉiuj sciencamantoj antaŭaplaŭdis la gigantan ideon de la profesoro. La gazetoj parolis pri ĝi. Oni diskutis, malpacis, kritikis, per unu vorto, oni faris ĉion, kion oni ordinare faras antaŭvidante akuŝon de fariĝo. Kaj ĝi venis, la fariĝo.

La profesoro konstruis pumpilon, kiun li fiksis al fera rezervuaro. La piŝto de l' pumpilo ligiĝis kun modela vapormaŝino. Dekmiloj da homoj alkuris por vidi la miraklon de la scienco. La malgranda maŝino laboris, spiregis kaj ĝemegis; la aero brue eniris kaj, inter tre malalta temperaturo kaj sub granda premo, rapide densiĝis, fariĝante firma korpo. Daŭre unu horo la rezervuaro kolektis multajn gramojn da firma aero, kiu en libera stato okupis milojn da litroj. La sensacio inter la scienculoj estis granda. Profesoro Arnoldi fariĝis eminentulo de eminentuloj. Okcent intervjuistoj insidis ĉiun lian paŝon, por kapti nur duonvorton de li. La kuiristino, la pordegisto kaj aliaj servistoj de la profesoro fariĝis riĉuloj, pleniĝante la poŝojn je oro por sciigoj pri la karaktero, pri la kutimoj, pri la strangaĵoj, pri la malsanoj de sia sinjoro, pri la horo, kiam li endormiĝis, pri la ĉemizoj, kiujn li portis, pri la barbiro, kiu lin razis, pri la banoj, kiujn li vizitis kaj pri mil aliaj plej intimaj sekretoj de lia viglo kaj dormo, de lia humoro kaj kapricoj, de lia manĝo kaj tualeto k. t. p. La servistoj estis rakontemaj kaj la u banoj sciemaj.

Tio ĉi ne estis ĉio. Kiel ne ekzistas kverko sen glandoj, manĝataj de porkoj, same ne estas sciencistoj sen praktikaj Mecenatoj, kiuj amas apliki siajn kapitalojn al sciencaj teorioj. En lando, kie la sciencoj estis tiel ŝatataj, kiel ĉe ni, baldaŭ troviĝis sciencama Mecenato, kiu proponis al profesoro Arnoldi fari siajn eksperimentojn sur granda skalo. Tiam la afero rapide kreskis. Oni konstruis monstran maŝinon, agatan de dek grandaj lokomobiloj, kiuj laboris seninterrompe. Dudek kvar horojn dum plentago oni veturigis karbon, kiu ne ĉesis bruli kaj fumi. La urbanoj ridis. Kalkulante la terurajn elspezojn de Mecenato, oni levis la ŝultrojn, nomante lin malsaĝulo. Sed tiu ĉi restis serioza kaj indiferenta al ĉiuj mokoj. Arnoldi kaj la profesoro diligente observis la laboron de la maŝino, mezuris la manometron, faris kalkulojn kaj mallaŭte murmuris inter si, kvazaŭ ili faris konspiron kontraŭ la tuta mondo. Kelkaj ŝerculoj, konsiderante la malŝparatan monon, diris ke baldaŭ Mecenato devos vivi per la aero, kiun li enpumpis. Sed neniaj ŝercoj povis devojigi ambaŭ eksperimentistojn: Mecenato bone pagis la laboristojn, kaj la afero ne haltis eĉ por momento. Oni faris konjekton ke Mecenato simple volis doni laboron al la neokupataj laboristoj, kiuj suferis de la malsato. Kelkaj politiko-ekonomiistoj prenis la okazon por riproĉi la ruĝulojn pro ilia maljusta kritiko de la kapitalismo.

Sed apenaŭ tri semajnoj forpasis, la opinioj ŝanĝiĝis. La urbanoj ricevis strangan senton kvazaŭ la aero mankis al ili. La unuaj, kiuj levis la plendon, estis la astmuloj. Oni povis vidi en la stratoj homojn, kiuj iris larĝe malferminte la buŝojn, kvazaŭ ili atendis ke alaŭdoj enflugu ilin. La medicinistoj kaj apotekistoj faris bonajn aferojn. Multaj gazetistoj, enviante ilin, kurigis sensacian famon ke nevidebla kometo eniris la atmosferon de la tero, kies oksigenon ĝi konsumas: ili ankaŭ enpoŝigis bonan monon. La ekleziuloj siaflanke anoncis ke la ĉiela regno proksimiĝas, kiakaŭze la teraj riĉaĵoj estas superfluaj, kaj tial la bonaj kredantoj devas rapidi disdoni la malestimindan metalon al la bono de la di-servistoj. La rezultato estis pli fruktoporta ol oni ĝin esperis.

Tiutempe la stranga fenomeno daŭris kreski, kaj kune kun ĝi aperis novaj ŝanĝoj. Al la malfacila spiro aliĝis malbona aŭdo, ĉar la sonoj fariĝis tre malfortaj, kaj por aŭdigi sin oni devis forte krii. La riveroj rapide malaltigis siajn nivelojn. La suno kaj aliaj lumantaj korpoj de la ĉielo kaj de la tero perdis sian intensivecon. La kuiristinoj plendegis pro la malbona brulo de la karbo Fine la barometro terure malleviĝis.

Tiam oni komprenis la kaŭzon: profesoro Arnoldi kaj Mecenato estis la kulpuloj, ĉar ili pumpis en sian rezervuaron la liberan aeron.

Kriaro de indigno eliĝis el milionoj da gorĝoj. La scienco estas certe bonega afero, sed kiam ĝi malutilas al la homaro...

Sed la lando estis leĝamanta kaj trankvilama. Oni ne amis revoluciojn. Oni indulgis eĉ porkojn, kiuj subfosis la kverkojn por atingi la glandojn, se la porkoj apartenis al la klera klaso. La medicinistoj diris ke oni devas malrapide esplori la aferon, kaj la apotekistoj subtenis ilin. La ekleziuloj faris religian procesion kun belaj standardoj kaj invitis la popolon al la paco de ŝafoj kaj al la pacienco de azenoj, ĉe kia okazo ili faris bonan kolekton de la malestimata metalo. La ministro de la justeco eligis ukazon, en kiu li promesis aranĝi la aferon.

Efektive, la ministro vokis al si la profesoron kaj Mecenaton.

— Amikoj, — li diris, — kian sensencaĵon vi entreprenis? Vi ŝajnas voli neniigi la aeron kaj mortigi la homaron? Pardonu, mi pensas ke vi ambaŭ perdis la kapon.

— Via ministra moŝto, — respondis Mecenato. — Vi treege eraras. Ni volas nek estermi la aeron nek mortigi la homaron. Unue — kaj la estiminda

profesoro Arnoldi ĝin pruvos al vi tre science — nenia atomo de la kosma materio estas neniigebla, kaj due, ni ne sole ne volas mortigi la homaron, sed ni intencas riĉigi ĝin, se industrio, nova apliko de la sciencoj al metio, okupo de laboristoj kaj kresko de la regna kaso estas signoj de riĉiĝo.

— Via parolo estas tre interesa, sinjoroj, sed spite ĝi la popolo sentas mankon je l' aero.

— Mi komprenas vin, via moŝto, sed kia malfeliĉo en tio?

— Kiel — « kia malfeliĉo »? Ĉu vi ne aŭdis min? Mi ripetas: la popolo volas spiri, kaj ĝi ne havas la aeron!

— Kaj mi miavice ripetas, ke mi ne vidas, kie estas la malfeliĉo. Diru al mi, sinjoro ministro, kion vi faras, kiam vi volas fumi kaj tamen vi ne havas tabakon?

— Nu... mi aĉetas ĝin...

— Perfekte! Minervo mem ne povus respondi pli saĝe. Nu, tiuj kiuj volas spiri kaj ne havas aeron, ke ili ĝin aĉetu.

— Sed... sed la aero estas natura dono... komuna posedaĵo... ĝi estas io, kio ne estas privata propraĵo.

— Ĝi *estis* tia, via ministra moŝto. Nun ĝi estas, kvankam nekomplete ankoraŭ, privataĵo, ĉar ĝia kolekto, ĝia firmigo, ĝia preparo en la nuna nova formo kostis laboron kaj monon.

— Kiu vin petis ke vi kolektu ĝin kaj faru por tio elspezojn? Kial la homoj, kiuj ĝis nun ne pagis por ĝi, de nun devos pagi?

— Vi estas infano, via ministra moŝto. La agro, arbaroj, la akvo ankaŭ estis siatempe naturaj donoj, kiuj kostis nenion, sed nun por havi ilin, oni devas ilin aĉeti. Kiu petis ke oni ilin kolektu, enmetu en ilin kapitalon, kaj faru el ili komercaĵojn, privatajn propraĵojn? Kaj malgraŭ tio ili ĉesis esti senpagaj objektoj? La civilizacio distingiĝas per tio, ke objektoj, kiuj dum la barbareco ne havis valoron, ricevas ĝin, sekve la civilizacio multigas la kvanton de la valoroj. La riĉeco kreskas kune kun la sciencoj kaj la artoj.

— Sed mi tamen pensas...

— Vi pensas malbone, sinjoro ministro. La aero estas sama ŝtofo kiel la tero, kiel arboj, kiel ŝtonoj, kiel fabrikejo, kiel ĉio alia. La homo ilin ne kreis. Neniu povas ion krei, eĉ unu atomon. Estas nur unu Kreinto, Dio, kiu faris ĉion ekzistantan daŭre ses tagoj. Se vi malpermesos ke oni faru la aeron privata posedaĵo, vi devas konsekvence fari identan malpermeson por ĉio alia kaj anonci la privataĵojn komuna bono. Sed vi ne estas komunisto, sinjoro ministro? Diru malkaŝe...

Lia moŝto silentis, profundiĝinte en pensojn. Evidente la bazoj de la privata posedo malpermesis kontraŭagi la entreprenon de Mecenato.

— Ĉu vi intencas tute senaerigi nian planedon? — li fine demandis.

— Ho ne! Nur en tia mezuro ke la aero fariĝu nesufiĉa por la spiro, kiakaŭze oni devos ĝin aĉeti. La plena eltiro de la aero kondukus al tro malbonaj sekvoj kaj cetere estus tute superflua al nia celo.

Mecenato kaj la profesoro foriris, fieraj de la konscio esti pravaj. La maŝino daŭris laboregi, konsumante amasegon da karbo kaj glutante teruran kvanton da aero.

Tamen la mono de Mecenato ne sufiĉis por sukcesigi la entreprenon. Tiam li kreis akcian societon kaj altiris kelkajn gazetojn kaj sciencistojn. Oni detale esploris la aferon. Oni pruvis science, dokumente kaj cifere ke la libera aero estas tre malsaniga, enhavante miriadojn da bakterioj, da baciloj, da komoj, da spiriloj, da mikrokokoj, k. c. Eminentaj bakteriologoj elokvente demonstraciis ke ĉiu kubofuto da libera, t. e. da kruda aero kaŝas en si 1.000.000 da tifbaciloj, 2.000.000 da tuberklozbaciloj, 3.000.000 da leprobaciloj, 4.000.000 da karbunklobaciloj k. c., dum la « *Akcia Societo de la Idealaj Pulmonutristoj* » ĝin purigas, steriligas, sanigas, aromigas kaj nektarigas, perfektigante la mankoplenan donon de Dio. De nun la homaro — anoncis la Societo — havos nesuperebIan gason; la brustoj fortiĝos, la malsanoj malaperos, la patriotismo kreskos, la knabinoj edziniĝos kun riĉaj viroj.

Malgraŭ tiu ĉi bonega kaj sciencoplena argumentado multaj homoj, precipe la malriĉaj kaj la malkleraj, estis malkontentaj. En la lando leviĝis movo kontraŭ la « Idealaj Pulmonutristoj ». En la komenco oni limiĝis per insultoj kaj akraj kritikoj, sed poste oni levis pugnojn kaj ŝtonojn. Unu malbelan tagon la fabrikejo de la ideala aero estis ĉirkaŭita de homamaso, kiu minace ĵetiĝis al la konstruaĵo. Ho ve! La ordo estis rompita, la fostoj de la regno tremis kiel gelateno, kaj la milita ministro kun malĝojo en la koro devis anonci en la urbo armitan staton La policistoj gaje frotis al si la manojn.

Feliĉe por la mondo la tumulto baldaŭ ĉesis. Kelkaj dekoj da malkontentuloj eksilentis por ĉiam, la ceteraj daŭris krii, sed pro kaŭzo tute alia ol la antaŭa. La ordo estis restariĝita, la societo savita, kaj la pastroj solene laŭdis Dion por la repaciĝo de la spiritoj.

La sciencoj triumfis. La aero, kiu ĝis nun eraris senorde kaj kaprice kiel diboĉulo aŭ nokta vagisto sen pasporto, estis subĵetita al prudenta disciplino de civilizita regno, al difinita temperaturo, al fiksita premo, al kalkulita prezo, laŭ la postuloj de la precizaj sciencoj. La homoj iris nun en la stratoj, havante sur la ĉapeloj malpezan cisterneton, de kiu etendiĝis kaŭĉuka tubeto, komunikiĝanta kun la buŝo: tio ĉi estis aerujo kun aerkondukilo. Kelkaj de tiuj vazetoj prezentis majstraĵon de arto kaj de estetika gusto, havante la formon de turetoj de Eiffel, de flugiloportaj Kupidonoj, de interkisiĝantaj kolombetoj kaj de aliaj ĉarmaj vidaĵoj. Multaj estis faritaj el aluminio, el arĝento, eĉ el oro kun karaj diamantoj. Mallonge la gemonuloj estis tre kontentaj, kaj pli ol unu belulino ĉarme koketis per sia aerujo kaj per la tubeto.

La profesoro Arnoldi estis tre feliĉa kaj fariĝis la plej granda homo de sia jarcento. Oni konstruis al li monumenton kun la bela surskribo: « La dankoplena homaro al tiu, kiu faris riĉaĵojn el la aero ».

Antaŭ kelka tempo mi havis la grandan feliĉon vidi la gloran profesoron. Li sidis en sia kabineto kaj meditis. Kiam mi timeme demandis lin, en kiaj altaj regionoj de la sciencoj liaj pensegoj bonvolas flugi, li modeste respondis:

— Mi entreprenas kapti la lumon kaj la varmon de la suno. Per speciala aparato mi igos la lumon fariĝi latenta kaj eniri en nevidebla stato cisternon, kie mi ĝin tenos fermata. Cetere ĝi estos aĉetebla. La responda Akciularo estas jam en fariĝo.

Lia inspirita vizaĝo estis tiel serioza, ke mi komprenis ke la efektiviĝo de la nova potenca ideo ne lasos sin longe atendi. Mi ĝojis ke baldaŭ kreiĝos novaj riĉaĵoj el nenio, almenaŭ el tio, kio ĝis nun havis nenian valoron sur la bazaro. Imponata de la nova pruvo pri la senfina forto de la sciencoj, mi intencis kliniĝi al la admirinda profesoro por kisi la plandojn de liaj botoj, sed mi min sentis malinda je tio, faris nur profundan saluton kaj elkuris por skribi la noton pri la « Triumfo de la sciencoj ».

A. Kofman.

---

## BIBLIOGRAFIO.

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj; aldonu la sendpagon, kiam oni deziras ricevi la librojn per poŝto.

Kun ĉia mendo, oni devas aldoni pagon de la menditaj libroj.

Nia ĵurnalo anoncas la librojn sed neniamaniere vendas ilin.

Ĉiafoje ni montros la nomon kaj adreson de la eldonistoj-vendistoj.

---

*Ĉe Esperanto Verlag Hans Th. Hoffmann,*
*Berlin W. 35, Steglitzerstrasse, 44.*

**Konversacia Kalendaro**, por superjaro 1908, redaktato de Karl Steier . . . . . . . . . . . . . Mk. 1 Sm. 0,50

**Esperanto** Wesen, Zukunft, Verbreitung und Nutzen der Welt-Hilfssprache, von prof. P. Christaller Pfg. 5 Sm. 0,025

---

*Ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel,*
*Prinzenstrasse, 95, Berlin,*
*kaj ĉe Samos'a Esperantista Societo,*
*Samos, Turkujo.*

'ΕΣΠΕΡΑΝΤΟ,
ΓΡΑΜΜΑΤΙΚΗ ΚΑΙ 'ΑΣΚΗΣΕΙΣ.

greka eldono laŭ L. de Beaufront . . . . fr 1,50 Sm. 2,00

---

*Ĉe Presa Esperantista Societo,*
*33, rue Lacépède, Paris.*

**Dictionnaire** Français-Esperanto et Esperanto-Français (radikaro) précédé d'un résumé de la grammaire, préface de Th. Cart, 700 pages. — Franco relié . . . . 5 francs Sm. 2,00

---

*Ĉe Pubul y Morales,*
*Avellanas 7, Valencia, Espagne.*

**Verba amuzaĵo** verkita de Esp. No 10.072, dua eldono. . . . . . . . . . . . . . . . . Pt. 0,10 Sm. 0,04

---

*Ĉe Svenska Esperantisto-Förbundet,*
*37, Surbrunnsgatan IV., Stockholm.*

**Hela Esperanto**, och sättet at lära det utan lektioner genom att lässa en liten saga. . . . . . . . . öre 10 Sm. 0,04

---

*Ĉe Konsulejo Esperanta,*
*Üllöi-ut, 59, Budapest, IX.*

**Morituri vos salutant** de V. Papazjan, tradukis Georgo Davidov . . . . . . . . . . Heller 30 Sm. 0,126

**Guteto da Lakto** de A. Agaronjan, tradukis Georgo Davidov. Heller 30 Sm. 0,126

---

*Ĉe Emilo Gasse,*
*77, rue Ernest Renan, Le Hâvre,*

**Vivo de Jesuo** de Ernest Renan, eldono popola, tradukis Emile Gasse, laŭ la 78a milo franca. . . . . . . . . . fr. 2.90 . . . Sm. 1.15

---

*Ĉe Hachette kaj Kio*
*79, Boulevard Saint Germain Paris.*

**La Rabistoj.** — Dramo en kvin aktoj, de Schiller, el Germana lingvo tradukis Dro L. L. Zamenhof.
. . . . . . . . . fr. 2.00 . . . Sm. 1.20

**La Faraono** de B. Prus, el Pola lingvo tradukis Doktoro Kazimierz Bein (Kabe). Tria volumo
. . . . . . . . fr. 2.00 . . . Sm. 1.20

La tuta romano enhavas tri volumojn; la unua 194 paĝa, la dua 238 paĝa, la tria 197 paĝa.

Ĉiu volumo aparte kostas . . . fr. 2.00 . . . Sm. 1.20
La tuta romano . . . . . . . fr. 6.00 . . . Sm. 3.60

---

*Ĉe Federico Ferreiros*
*3, avenida de la Libertad*
*San Sebastian (Espagne).*

**Broŝureto ilustrita** de la Esperantista Klubo de San Sebastian . . . . . . . . . . . . . . . . . Senpaga.

*Ĉe Librairie de l'Esperanto*
*15, rue Montmarte, Paris.*

**Moresnet-neutre.** Projet d'un état espérantiste indépendant par Gustave Roy . . . . . . . . . . fr. 0.50 Sm. 0.20

*Ĉe Verlag von C. W. B. Naumburg,*
*Leipzig.*

**Die Weltsprache « Esperanto »** und ihre Bedeutung für Wissenschaft, Handel und Verkehr. von Fritz Stephan. pfn. 10. Sm. 0.05

---

**Avizo.** — Tiu ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.

La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas ricevi senpagan enskribon de siaj verkoj, post sendo de la libroj.

Plezure ni ankaŭ ricevos la informojn pri forgesata anonco aŭ pri eraro.

---

## PROBLEMOJ.

**Problemo 13a.** — Diru en kiu parto de l' jaro ekzistas sovaĝa besto kaj rimedo.

**Problemo 14a.** — Montru la nombrojn, formitajn per du ciferoj, kiuj havas la sekvantan proprecon: Apartigu ilin po kvar nesamaj partoj, aldonu 2 al la unua parto, elprenu 2 el la dua parto, multobligu la trian parton per 2 kaj dividu la kvaran parton per 2; la kvar rezultatoj estas samvaloraj.

**Problemo 15a.** — Per vortoj signifantaj: nombron, metiiston, participon, la malon de « en » + o, faru la nomon de greka filozofiisto.

**Problemo 16a.** — Pri kio parolas ordinare geamantoj? La respondo estas nomo de antikvulo.

**Problemo 17a.** — Pronomo + la unua duono de mov-esprima verbo + nomo de konsonanto estas nomo de antikva leĝodoninto.

**Problemo 18a.** — Antikva leĝodoninto = teruriga mitologia besto.

La solvoj estos akceptitaj ĝis fino de Februaro ĉe la Direkcio de la ĵurnalo, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

## SOLVOJ.

**Problemo 1a.** — For-mi-ko.

» 2a. — A K R A
K I A L
R A V E
A L E O

» 3a. — Muro, ĉar duobligante ĝin, oni havas « murmuro »

» 4a. — A-post-ro-fo.

» 5a. — Antaŭ vi: di.

» 6a. — Bato = Balo, bano, baro, baso.

» 7a. — Bukedo, butero.

**Divenis.** — Ĉiujn: Soj *Aprido, Kokido, Lieĝano, Grafo B, Claes, Niclo*; 1. 2. 3. 5. 6. 7, Fino *Bilmeyer*; 1. 2. 4. 5. 6. 7, Sino *Bastoul* kaj *Liganino*.

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34 rue Van Ostade, Bruxelles

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 9, rue Xhavée, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liera Grupo Esperantista.** Sekretario : E. O. Vermeiren, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

**Esperanto.** Cercle d'étude de langues, Spa. Prezidanto : Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.
Sekretario : Sro Grosjean.

**Karloreĝa Grupo Esperantista**, Charleroi. Prezidanto : Sro L. Delvaux, profesoro.
Sekretario : Sro D. Heyne, 17, rue Roton.

**Booma Grupo Esperantista**, en Boom. Prezidanto : Sro Jules Clerbaut.
Sekretario : Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat.

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino : Frino A. Greiner, 15, Av. Brugmann, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Namura Stelo**, en Namur. Prezidanto : Sro J. Detry.
Sekretario : Sro Verbeken.
Sidejo : Hôtel de Hollande.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto : Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.
Sekretario : Sro Paul Jansens.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto : Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, St Trond, k. c.